# Boletín

## Federación Española de Esperanto
## Asociación de Utilidad Pública



n-ro 319 januaro-februaro 1995

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

## Ĉefredaktoro

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe 27-29, 9º C
ES-50002 Zaragoza

## Redaktoroj kaj kunlaborantoj

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Valén Fernández

**Federación Española de Esperanto**
**(Información y administración)**

**Hispana Esperanto-Federacio**
**(Informado kaj administrado)**

Rodríguez San Pedro 13-3º-7
ES-28015 MADRID
Telefono + faksilo: +34-(9)1-446-80-79



*Kovrilo:* Reinhard Selten, esperantisto ĵus ricevinta la Nobel-premion pri Ekonomiko.

*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ENHAVO

# Antaŭ nova etapo

Kun la nova jaro komenciĝas nova etapo en la vivo de nia revuo "BOLETIN". Nova bildo en nova presejo kun samaj redaktoroj. Ekonomiaj faktoroj postulas de tempo al tempo tiajn ŝanĝojn. En la antaŭa periodo ni komencis per 22 paĝoj en ĉiu numero kaj ni finas ĝin per 32. Sed ne temas nur pri kvanto, ni penadis laŭlonge de ses sinsekvaj jaroj prezenti nian revuon ĉiam akurate kaj kiel eble plej digna laŭ enhavo kaj aspekto, kaj tio ne ĉiam estis facila. Ni scias, ke ĝis nun ankoraŭ neniu plaĉis al ĉiu, sed oni ne povas nei la klopodojn de tiu ĉi redaktora skipo por plibonigi la bultenon. Nur niaj legantoj rajtas opinii, ĉu ni atingis komplezi la plejmulton el ili.

Ne unu-foje la ĉefredaktoro esprimis sian deziron forlasi la postenon: ja juna homo pli kapabla devus normale anstataŭi min por eventuale doni al nia organo certan impulson, pli junecajn enhavon, stilon kaj formon, kaj ne nur ĉar mi estas, eble, jam sufiĉe aĝa por tiu ĉi tasko, sed ankaŭ ĉar mi havas privatajn aspirojn por okupi tiun tempon. Do mi restas en tiu posteno, kiel ĝis nun, iom provizore, atendante ĉiam, ke tiu bezonata homo sin prezentu kaj alportu la indikitajn eventualajn avantaĝojn. Ĝis tiam ni, la aktuala skipo, pluiros modeste sed entuziasme laŭ nia ĝisnuna linio, strebante ĉiam plibonigi la bultenon...

Mi dankas al tiuj legantoj, kiuj de tempo al tempo adresas al mi kuraĝigajn kaj gratulajn leterojn. Miaflanke, mi dediĉas tiujn dankojn al la redaktora skipo de "BOLETIN", kiu vere meritas, pli ol mi, tiujn ricevitajn gratulojn. Specialan dankon al nia veterana samideano Salvador GUMA CLAVELL, fidela korektanto de la originaloj, kaj ankaŭ al nia estimata amiko Miguel GUTIERREZ ADURIZ, kiu zorgas pri la kompostado kaj tiel alte metis la teknikan nivelon de nia revuo.




Mi restas, kiel ĉiam, atendante viajn sugestojn kaj kunlaboron. Dankon!

*Antonio MARCO BOTELLA*



# Fundación Esperanto

## Forta fondaĵo = financa kapablo

Fundación Esperanto ne estas institucio simila al la Federacio aŭ al la grupoj kaj aliaj esperantaj asocioj nun ekzistantaj. Fundación Esperanto devas esti, esence, la bazo sur kiu sin apogu la financa sistemo de la tuta Esperanto-movado en Hispanio.

Ne malmultaj esperantistoj pensas, ke la Federacio devas apogi ekonomie la grupojn, sed en la realo HEF ne disponas sufiĉan kapitalon por tio. Fakte, la agadkampo de la Federacio estas pli politika ol ekonomia, t.e. ĝi devas kaj reprezenti la movadon ĉe la superaj oficialaj instancoj de la lando, kaj kunordigi la agadon de la grupoj.

Estas evidente, ke en tiu skemo mankas esperanta institucio kies celo estu nek reprezenta (Federacio), nek disvatiga (la grupoj), sed ekonomia. Tiu forte bezonata institucio estas Fundación Esperanto.

La aparta karaktero de la fondaĵoj permesas la kreadon de grandaj kapitaloj, kies interezojn oni povas redistribui inter la diversaj institucioj de la movado (grupoj, asocioj, ktp.) por konkretaj celoj.

### Laŭprograma interkonsento

Fundación Esperanto povos veni al interkonsento kun ajna asocio, grupo aŭ eĉ unuopulo rilate al iu difinita aktivaĵo, kiun la fondaĵo subvencios pere de la interezoj de sia kapitalo. Ekzemple: ni supozu ke iu grupo deziras financi perfektigan kurson de E-o (libroj, informiloj, radio-anoncoj, afiŝoj...). Entute 50.000 ptojn. Sed la grupo ne disponas tiun sumon, ĉar ĝi uzas la monon, kiun ĝi ricevas pere de la membro-kotizoj, nur por pagi la ejon. Nu, Fundación Esperanto subvencios, parte aŭ plene, tiun aktivaĵon pere de *laŭprograma interkonsento*, kiun la grupo devos plenumi. Resume: Fundación Esperanto financos ĉiun seriozan agadon proponitan de la grupoj al ĝia konsidero, kaj la grupoj ĝin realigos.

Forta fondaĵo egalas al financa kapablo, kaj konsekvence pli multaj eblecoj por la disvastigo de Esperanto. Fundación Esperanto devas do fariĝi la hispana Esperanto-Banko. Rezigni je la potencigo de tiu grava instrumento, kiun ni posedas sed ne uzas, signifas kondamni la E-movadon al pli malpli baldaŭa malapero.

*Juan Antonio Cabezos Martínez*
*Advokato kaj Patrono de FE*

**Donacoj:**
Libreta: 2085-0101-13-01-286247-62
IBERCAJA (Zaragoza)




### Stokholmo

La 10an de decembro de 1994, d-ro Reinhard SELTEN, germana matematikisto kaj ekonomikisto, ricevis en la sveda ĉefurbo la lastan Nobel-premion pri ekonomiko, pro siaj malkovroj en la kampo de la teorio de ludoj.

Prof. Selten kaj lia edzino Elisabeth estas malnovaj aktivaj esperantistoj, membroj de Germana Esperanto-Asocio kaj Dumvivaj Membroj de UEA. En 1982 li verkis en Esperanto, kune kun Jonathan Pool, el Usono, "Cu ni lernu Esperanton?" (enkonduko en la teorion de lingvaj ludoj).

La Nobel-premiito studis matematikon kaj diplomiĝis en 1957 ĉe la Frankfurta Universitato, kie li deĵoris ĝis 1967 kiel help-profesoro. En 1968 li instruis en la universitato de Berkeley (Kalifornio, Usono), kaj poste kiel profesoro ĉe la Libera Universitato de Berlino kaj ankaŭ ĉe la universitatoj de Bielefeld kaj Bonn.

Prof. SELTEN estas membro de multnombraj sciencaj akademioj kaj ekonometriaj societoj, i.a. de la Usona Akademio de Arto kaj Sciencoj kaj AIS-San Marino, kaj estas specialisto pri matematik-rilataj fakoj, oligoteorio, eksperimenta ekonomi-esploro kaj scienca ludteorio.

Ni gratulas la honorigatan esperantiston kaj elstaran sciencan figuron.




### Internacia Junulara Kongreso de TEJO

Tiu Junulara Kongreso por *tiuj kiuj ne nur dancas* okazos en Sankt-Peterburgo (Rusio) de la 31-07 ĝis 7-08-95, kaj estas la unua kongreso de TEJO sur la rusia teritorio.

Informoj de la LKK: 51a Internacia Junulara Kongreso; p.k. 34, Moskvo Rusio, RUS—117071. Fakso: +7-095-292-6511 kun indiko "box 12701". Telefono: +7-095-246-0932, 243-7456.

**Vatikano-Urbo**

La pasintan 25an de decembro, Lia Papa Moŝto Johano Paŭlo la 2a salutis nin, la esperantistan kolektivon el la tuta mondo, en esperanto, esprimante al ni liajn bondezirojn okaze de la ĉi-jara Pasko.

Tiu rekta kaj publika saluto de ŝtatestro, kiu fariĝis jam ĉiujara kutimo, signifas agnoskon de la esperantista popolo kiel kolektivo kun propraj karakterizoj kaj... kompreneble ankaŭ tre pozitivan propagandan mesaĝon disvastigitan de Romo al la tuta mondo.

Ni dankas kaj reciprokas al Lia Papa Moŝto tiun saluton kaj bondezirojn kaj subskribas tutkore kaj respektoplene lian pacan mesaĝon al ĉiuj popoloj de la tero.

**Esperanto-Teatro "ESPERO"**

de Jerzy Fornal. Sidejo: Art-Galerio "Nusantara". Varsovio, str. Nowogrodzka 18-a.

La prezentadoj okazas unufoje monate ĉiun unuan lundon de monato, je la 17a horo. Antaŭ la spektakloj (je la 16a) estas aŭdigitaj prikulturaj prelegoj de Zofia Banet-Fornalowa kaj invititaj gastoj.

La repertuaro de la Teatro "Espero" por 1995 jenas:



2-1-95 "La granda koncerto", laŭ scenario de Jerzy Fornal.
6-2-95 "Vagabondo" de Harold Brown.
6-3-95 "Virino-kvar bildoj" laŭ Eduardas Miezelaitis.
10-4-95 "Rimleteroj" bazita je poezi-korespondado de Marjorie Boulton kaj William Auld.
8-5-95 "Eduko danĝera" de Harold Brown.
5-6-95 "Wolfgangerl" de Gunnar Gällmo.

La spektantoj pagas nur enirbileton al la Muzeo.

**Hispanio**

Kiel jam estas kutimo en nia Movado, la festotagon honore al D-ro Zamenhof oni celebris en preskaŭ ĉiu Esperanta Grupo de nia lando:

En Barcelono kaj organizite de Hispana Fervojista Asocio okazis tiu tradicia festo honore al nia

Majstro, ĉi-foje memore al 135a datreveno de lia naskiĝo. Partoprenis ĝin granda parto de la Esperantaj Grupoj de la provinco, kiuj vizitinte en Ekspozicio la faman pentraĵo-kolekton "Thyssen" kaj la Monahejon "Pedralbes" kolektiĝis en la Placo de Zamenhof sub kies nomtabulo oni metis florbukedon. Poste, ĉiuj aliris ĝis la restoracio "Picadero" de Barcelono, kie okazis komuna tagmanĝo, kaj post ĝi interesa kolokvo pri la temo "Esperanto kaj la familio" gvidata de samideano Luis Serrano, en tute agrabla etoso.

Ni profitas la okazon por gratuli niajn samideanojn de Barcelona Esperanto-Centro, kiu en la 9-taga ekspozicio de la kataluna kulturo okazinta ĉi-aŭtune ĉe la haveno de Barcelono, en kiu partoprenis 130 standoj, elmontris sur la stando de la "Regiona Lleida Centro" grandan kolekton da esperantaĵoj: libroj, afiŝoj, revuoj, ĵurnalaj raportoj kaj interesaj dokumentoj pri la Hispana kaj Internacia Esperanto-Movado. La ekspozicion vizitis ĉirkaŭ miliono da personoj.

En Zaragozo, la Grupo "Frateco" organizis tri festotagojn: la 15an, niaj membroj kunvenis en la sidejo de la E-societo por aŭskulti prelegon de nia k-do Antonio Marco Botella, kiu disertis pri "La lirika skolo hispana-hebrea dum la mezepoko". Tuj post la prelego, oni inaŭguris Libro-Ekspozicion per libroj novaj kaj brokantaj, kiujn oni vendis je tre moderaj prezoj, celante ŝtopi la breĉon de la Societa ekonomio per la gajno. Samtempe, nia anaro kaj simpatiantoj estis regalitaj per dolĉaĵoj kaj varia trinkaĵo. La 16an, oni daŭrigis la vendadon de libroj ĉe nia Libro-Ekspozicio. Fine, la 17an, okazis la kutima vespermanĝo ĉe "Casino Mercantil" de nia urbo.

En Madrido la esperantistoj kunvenis en restoracio de Hotelo "Puerta de Toledo" en tre festema etoso, kaj en Santander kantabroj celebris tiun festotagon per vespera bankedo en la restoracio Bahia Herbosa. Simile okazis en Valencio, Murcio, Alicante, Gijón kaj multnombraj hispanaj urboj...



**Grava komuniko de Kultura Centro Esperantista**

La eksterordinara Asembleo de "Kultura Centro Esperantista" okazinta en La Chaux-de-Fonds la 29an de oktobro 1994, elektis kun grandega plimulto la Direktan Komitaton de KCE, por la periodo 1995-1997.

La Asembleo elektis D-ron Silfer prezidanto de KCE kaj aprobis akton kun la ĝenerala gvidlinio por la jaro 1995a, aneksan al la listo de la kvin elektitaj kandidatoj. Restis rezervo pri kelkaj detaloj, difinotaj inter KCE kaj Gastejo Edmond Privat (GEP — la fondumo posedanta la du domojn) antaŭ la fino de 1994: tiuj detaloj koncernas precipe la luon de la lokaloj fare de KCE ĉe GEP. Ambaŭflanke ekzistas la firma intenco trovi solvon konvenan al ambaŭ partneroj.

La nova Komitato de KCE antaŭĝojas pri la kunlaboro de ĉiu bonvolulo kaj elkore bonvenigas la legantojn de ĉi tiu komuniko kiel kursanojn "ĉe la domparo".

*Mireille Grosjean*
*Giorgio Silfer*
*Prezid. de GEP kaj KCE respektive*

**Ruslando**

Kiel signon de pluvivo de esperanto en Ruslando oni povas taksi la regulan aperadon de tri ruslandaj esperantaj gazetoj: "Ruslanda Esperantisto", "La Ondo de Esperanto" kaj "Spektro".

"Ruslanda Esperantisto" (8 paĝoj, A-4, riĉe ilustrita, 20 NLG) estas ĉiumonata.

"La Ondo de Esperanto" (32 pĝ. A-5, ilustrita, 24 NLG) prezentas la soci-politikan vivon de la ekskomunisma landaro.

"Spektro" (24 pĝ., A-5, ilustrita, 15 NLG) aperas trimonate kiel internacia revuo pri esperanto.

La tri gazetoj aboneblas ĉe UEA, aŭ rekte ĉe Ruslanda Esperanto-Centro. RU—620077 Jekaterinburg 77. P.K. 67. Ruslando.




**Polio**

Rondo de Pola Esperanto-Asocio en Andrychów aranĝos aprile-95 Internacian Letervesperon kun ekspozicio.

Bonvolu sendi al ni bildkartojn, salutleterojn, turismajn prospektojn, Esperantaĵojn el la tuta mondo. Ni bezonas vian salutkarton! Ni garantias respondon al ĉiuj. Skribu al: Pola Esperanto-Asocio. Rondo en Andrychów. Poŝtkesto 30. Pl. 120 ANDRYCHOW. Polio.

**Katolikoj**

La 18an de oktobro IKUE aĉetis propran sidejon en Romo. La katolika asocio deziras inaŭguri tiun sian centran oficejon en aprilo. Nun oni devas konvene ekipi ĝin...

# Skeptikaj pripensoj de lingvo-teoriisto pri la lingvaj rajtoj

Resuma traduko de pluraj fragmentoj el la hispanlingva prelego de *d-ro Carlos Martín Vide,* katedra profesoro pri Ĝenerala Lingviko en la Universitato Rovira i Virgili de Tarragona (Katalunio).

En novembro 1994 okazis en Santiago de Compostela (Galegio) tritaga *Internacia kongreso pri la lingvoj kaj la lingvaj rajtoj. La lingvaj rajtoj estiel homaj rajtoj.*

El la kongresaj prelegoj tre grava estis tiu kiun, kun la ĉi-supra titolo, prezentis prof. Martín Vide. Kun la afabla de tiu ampleksa kaj densa prelego, kaj poste retradukis tion en la hispanan por ĝin submeti al eventuala aprobo de la aŭtoro. Fine, ricevinte lian aprobon pri tiu ĉi resuma versio mia, jen mi ĝin prezentas al vi, samtempe ree dankante prof-on Martín Vide por lia ĝentileco al ni.

*Antonio Alonso Núñez*

## (A) LA LINGVOJ KAJ LA LINGVAJ RAJTOJ

(1) La konsiderinde ĝenerala sento esti subpremata de aliuloj postulas kaj meritas ĉies respekton, kaj samtempe postulas racian kaj humanan solvon.

Kiel unua paŝo al tia celo estas ende, ke tiu afero kaj la ceteraj al ĝi rilataj estu studataj laŭ la metodoj de scienca objektiveco, desdramige, kaj de pozicio laŭeble politike neŭtrala.

(2) Vi tamen ne esperu, ke mi povus prezenti solvojn al vi, sed nur kelkajn demandojn kaj dubojn. Kaj mi ŝatus, ke ĝuste el tiu ĉi kongreso ŝprucus solvoj al iuj el ili.

(3) La lingvoj plenumas du rolojn en la socio: *Komunikado-funkcioj* (relative objektivaj kaj ĝeneralaj) kaj *simbolado-funkcioj* (emociaj kaj ne ĝeneralaj).

La decidoj lingvopolitikaj ordinare ne rilatas al la komunikado-funkcioj de lingvo, sed ĉefe nur al ties simbolado-funkcioj, estiel forto kun celo unueciga, identiga, homogeniga, centripeta, interne de iu komunumo. Kaj ĉar neniu povus argumente subtenadi ke tia celo estus afero valora per si mem, tial ŝajnas al mi ke la t.n. lingvoplanado ne estas scienca afero, sed politika afero pri kiu nur la politika potenco povas havi veran kaj sinceran intereson.

(4) ¿Kíon oni komprenu sub la esprimo "lingvaj rajtoj"?, ¿Ĉu la rajton aŭ devon uzi mem difinitan lingvon, ĉu la rajton aŭ devon ke la ceteraj personoj uzu tiun lingvon?. Pri ĉio ĉi oni ne konfuzu rajtojn kun deziroj, kaj apud la rajto uzi mem difinitan lingvon ekzistu la malpermeso lingvokaŭze diskriminacii aliulojn.

(5) ¿Kíon signifas la esprimo "lingvo propra"?. Se iu kutime parolas difinitan lingvon, ¿ĉu tiu ĉi ne estas lia lingvo propra?.

¿Ĉu la institucioj aŭ komunumoj havas "lingvon propran", kaj kíon tio fakte signifas?. ¿Kíuj efektive parolas?.

Oni ofte aŭdas, ke la lingvo propra estas ia sanktaĵo. Sed hodiaŭ endas pli senpasia konsiderado de la aferoj, ĉar ja neniu povus subteni ke ekzistus eĉ unu sola sanktaĵo en la tuta universo.

(6) ¿Kío estas "rajto"?. ¿Ĉu simple la permeso respondi "Nu, ĉefo, tio, kion vi jen diros!"?. Skeptikismo estu esenca trajto de la traktado de ĉi aferoj, ja tamen agnoskante ke aferoj kiaj la abolicio de sklaveco, la sindikata reprezentado aŭ la universala voĉdon-rajto estas gravaj historiaj atingaĵoj.

(7) Laŭ la t.n. hipotezo pri lingva relativeco, la strukturo de la propra denaska lingvo tendencas influi kaj eĉ determini la pensadon kaj sciojn pri la mondo de la koncernaj lingvanoj kaj popoloj, tiel ke eĉ ne eblus vera interkomunikado pere de tradukoj inter anoj de malsamaj lingvoj.

¿Ĉu iu povas racie subteni surbaze de empiriaj evidentaĵoj la pravecon de la dirita hipotezo?. Eĉ pli: ¿Ĉu iu povus diri, en kío konsistus la influado kaj determinado kiujn tiu hipotezo postulas?.

Tia hipoteza aserto konsistanta el svagaj ĝeneralaĵoj pri kiuj ne eblas eksperimenta konfirmo, ofte iĝis bazo por ĉiaspecaj ŝovinismaj diskursoj kaj pamfletoj, kaj foje ĝiaj spuroj estas konstateblaj eĉ en iuj lingvoplanaj politikoj.

(8) Lingvoplanado estas interveno eksplicita, sistema kaj instituciigita kiu, sur bazo politika kaj ideologia, enhavas celojn kiuj implicas elekton inter diversaj alternativoj eblaj por lingvouzado.

La diskuteblaj facoj de tia interveno estas, ĉu ĝi estas legitima, kaj ĉu ĝi entute havas ian sencon se oni subtenas ke lingvo pli estas mensa objekto por personaj malvolvo kaj kreiveco, ol socia objekto por interrilatado kaj memidentiĝo.

(9) Ĉe lingvoplanado oni distingas inter:

— Normigado fare de lingvistoj, el kio rezultas ortografiaj reguloj, vortaroj, gramatikoj, promocienda lingvomodelo ks.
— Normaligado fare de politikistoj kaj burokratoj, el kio rezultas juraj normoj kun celo garantii socian uzatecon al la lingvo kaj evoluigi markilon de nacia identeco, ktp.
— Planado pri lingvoakirado, kio estas afero rekte ligita al edukado kaj instruado.

(10) Normigado kaj normaligado konsistigas du tute malsamajn tipojn de politiko, kaj probable ankaŭ de legitimeco.

Lingvo-teoriistoj ne plu kredas je lingvonormismo, sed jen ĝi reŝprucas ĉe aplikata lingviko. Nu, kontraste al normigado, ja ekzistas la alternativo, lasi ke la naturo, la kulturo, la historio aŭ kio ajn agadu mem.

(11) La sola pravigo de lingvonormaligado estas politika, neniel scienca. Se la personoj uzas lingvon alian ol tiu kiun oni volas normaligi, tio venas de la fakto ke ili ial (eĉ pro la propra nesciado) konsideras sia propra la unuan diritan lingvon: Ne ekzistas argumento por malpli fidi tian elekton fare de la civitanoj, ol tiun venantan de la personoj

okupantaj la postenojn de politika potenco.

La oftaj kontraŭstaroj al lingvopolitikoj venas de tio, ke oni ne taksas ke ili estas esencaj por la propra vivo. Krome, se -kiel ni pensas- la ago paroli, plu estas privataĵo, en tia kontraŭstaro rolas la deziro kaj rajto pri kiel eble plej malgranda ŝtata interveno en la privatajn aferojn.

Kaj oni ne preteratentu ke tio, kio laŭ socia vidpunkto eble estas konflikto, eble tute ne estas konflikto laŭ individua vidpunkto, i.a. ĉar la kapabloj lerni kaj adaptiĝi estas distingaj trajtoj de la homa inteligento.

(12) Ĉia lingvoplanado devas respekti, se tia baza fakto ekzistas, la multkulturecon de la koncerna socio.

(13) ¿Ĉu ekzistas konfliktoj propre lingvaj en iu socio, aŭ ĉu propre temas pri alioriginaj konfliktoj (ekonomiaj, sociaj, politikaj, klasaj)?. ¿Ĉu la lingvoj bezonas kaj / aŭ meritas esti defendataj, kaj kontraŭ kío?.

(14) La balote venkinta partio ja havas la absolutan rajton praktikadi sian lingvopolitikon, paralele al tio ke la civitanoj havas la plenan rajton batali kontraŭ tiu politiko se ili tion volas aŭ opinias konvena.

(15) La lingvan kredon de la kataluna naciismo oni povus resumi jene (*):

— La lingvo kataluna estas la lingvo propra de Katalunio, kaj tial ĝi devas esti la sola oficiala lingvo de Katalunio.
— La katalunoj havas la rajton (¿kaj la devon?) neniam helpi al si pere de la kastilia lingvo.
— La kataluna popolo statas kulture kaj politike submetita kaj dominata fare de fremda ŝtato. Tial, ĉiu konscia kataluno devas batali kontraŭ tio (sin esprimante en la kataluna).
— Necesas malvolvi edukan laboron ĉe ĉiu kataluna civitano kiu ne konscias pri tia subpremado.

(16) Iuj el la asertoj en (15) estas pridiskuteblaj; krome, ja unu afero estas la leĝaro kaj alia afero estas la realaj faktoj.

(17) La unua tereno por normaliga laboro estas tiu de la oficialaj aŭ publikaj funkcioj de la lingvo, precipe malvolvataj de la administracio. Tio estas tasko legitima kaj relative simpla.

La dua tereno por normaligo estas tiu de la ĉiutaga komunikado fare de konkretaj individuoj. Tian situacion regas aro da soci-psikologiaj cirkonstancoj pri kiuj ni scias tre malmulte, kaj tial ĉia planado pri tiu ĉi tute diferenca afero riskas erari kaj ne taŭgi por la celo -aldone al tio, ke ja estas pridiskutebla ĉia interveno de la politika potenco, eĉ demokrata, celanta influi la kondutadojn de homoj.

(18) La celo de ajna trafa lingvoplanado devas esti, do, la difinado pri tio, kíu(j) lingvo(j) plenumu kíujn funkciojn oficialajn, publikajn, edukajn, ktp., kaj aldone al tio simple lasi ke la tempo kaj la homaj kondutadoj faradu la ceteron.

Kaj jam tie ĉi estu dirite, ke mi taksas modela la nuntempan lingvan kunvivadon en Katalunio.

## (B) LA LINGVAJ RAJTOJ KAJ LA HOMAJ RAJTOJ

(19) La homaj rajtoj estas iaj valoroj sen kiuj, supozeble, ne eblas ke la personoj kaj la kolektivoj atingu la bonfarton al kiu ili ŝajne strebadas, kaj al kiuj oponas iaj fortoj naturaj sociaj.

Laŭ historia vidpunkto, oni konstatas konceptan evoluon ekde la "naturaj devoj" de stoikismo al la "naturaj rajtoj" de la Renesanco kaj fine, por eviti la teorian debatadon kiun tiu ĉi lasta esprimo generadis, al la esprimo "homaj rajtoj" (aperinta antaŭ ĉ. 50 jaroj, post la Dua Mondmilito). Kaj en la modernaj tempoj oni konstatas la kontraston inter la liberalisma konceptado pri rajtoj (principe individuaj kaj nur sekundare sociaj) kaj la marksisma konceptado kun inversa ordo de prioritatoj.

(20) Franca juristo, Karel Vasak, parolas (en 1982) pri tri generacioj de homaj rajtoj, historie sinsekvaj kvankam parte sin interkovrantaj, kaj respegulitaj de la tri topikoj de la Franca Revolucio, nome "Liberté, égalité, fraternité", jene:

- "Libereco", bazo de la unua rajtogeneracio, nome de la civilaj kaj politikaj individuaj rajtoj, venanta de la reformistoj de la 17a kaj 18a cenjaroj kaj de la revolucioj angla, usona kaj franca, kun liberala individuismo kaj minimuma rolo de la ŝtato (ja nur por politiko, polico, ks) kune kun la socia kaj liberale kapitalisma doktrino "Lasu fari, lasu pasi, la mondo iras per si mem".

Temas do pri la rajtoj agnoskitaj en la konstitucioj de la okcidentaj landoj kaj en la internaciaj deklaracioj kaj konvencioj adoptitaj en la lastaj 50 jaroj: La rajto je vivo, personaj libereco kaj sekureco, je proceso publika kaj justa; je privata proprieto; je libereco por vojaĝado, rezidado, pensado, konscienco, religio, opiniado kaj sinesprimado, ktp.

— "Egaleco", bazo de la dua rajtogeneracio, nome de la ekonomiaj, sociaj kaj kulturaj rajtoj laŭ la socialisma tradicio de la pasinta centjaro estiel reago al la ekscesoj faritaj de la liberale kapitalisma sistemo en ekspluatado de laboristoj kaj de la koloniigitaj landoj kaj popoloj, tiel ke kresku la rolo de la ŝtato por garantiado kaj efektivigado de la justa distribuado de bonoj kaj riĉaĵoj cele al socia egaleco: Rajtoj je laboro, elekto de profesio, sindikata agado, sociaj asekuroj (por senlaboreco, sanitara flegado, maljuneco), edukado kaj kulturo, ktp.

— "Frateco", bazo de la tria rajtogeneracio aŭ rajtoj pri solidareco, en kiu propre temas ne nur pri rajtoj, sed ankaŭ pri aspiroj, kaj ne nur laŭ individua vidpunkto, sed ankaŭ laŭ kolektiva kaj eĉ tutmonda skalo, kun celo superi la nesufiĉecon de la ŝtatojnacioj, kiel ankaŭ kontentigi la postulojn de la viviĝinta naciismo en la t.n. Tria Mondo: Rajtoj je memdetermino politika, ekonomia, socia, kultura; je socia kaj ekonomia malvolvo, ktp.

(21) Ne ekzistas ĝenerala konsento pri la naturo aŭ atingopovo de la homaj rajtoj, kvankam ekzistas iaj vaste akceptitaj postulatoj celantaj superi tian mankon:

— La homaj rajtoj reprezentas individuajn kaj kolektivajn postulojn pri distribuado de potenco, de riĉaĵoj, de kulturo ks, kiuj limigas la potencon de la ŝtato kaj por kiuj necesas reciproka respekto kaj toleremo.
— Ilia enhavo ampleksas de valoroj kia justeco ĝis aspiroj kia paco. Ili apartenas al la ordo morala kaj leĝa, tiel rilate tion, kio estas, kiel rilate tion, kio devas esti en la homaj aferoj.
— La homaj rajtoj havas limon en tio, ke la rajtoj de kiu ajn individuo aŭ grupo ne povas invadi la rajtojn de similaj subjektoj, nek malutili al la komunaj bono kaj interesoj.
— La homaj rajtoj estas ĝeneralaj kaj universalaj, ne privilegiaj al iu ajn. Ili estas nerifuzeblaj kaj neforvende-

blaj, ĉar rilataj al bonoj fundamentaj kiaj vivo kaj libereco, do ne al bonoj neesencaj aŭ al nuraj deziroj aŭ aspiroj.

(22) Ne ekzistas konsento inter la diversaj aŭtoroj pri tio, kíuj el tiuj rajtoj estas fundamentaj, nome, ĉu tiuj de la unua generacio, ĉu tiuj de la du aliaj generacioj.

Fakte, la batalo inter tiaj konceptadoj respegulas la batalon inter malsamaj socipolitikaj sistemoj, ĉiu el ili kun propraj perspektivoj kaj prioritatoj: Libereco kaj individuismo laŭ unu konceptado, egaleco kaj kolektivismo laŭ alia konceptado. Por la unua konceptado, la unuageneraciaj rajtoj estas fundamentaj, ĝuste ĉar ili rilatas al la individuo, ento koncepte kaj tempe antaŭa al la ŝtato, kaj tial ili estas jam akceptitaj en konstitucioj kaj internaciaj deklaracioj kaj konvencioj. Por la dua konceptado, la unuageneraciaj rajtoj estas nuraj aspiroj, atingeblaj nur pere de kaj poste al faktiĝo de la rajtoj dua- kaj triageneraciaj tra procezo da fundamentaj transformoj ekonomiaj, sociaj kaj juraj.

(23) Depende de la personaj optiko, starpunkto kaj prioritatoj, la lingvajn rajtojn oni aljuĝas jen al la unua generacio laŭ tio ke ili konsistigus netuŝeblan liberecon kun formo determinita, jen al la dua generacio, laŭ tio ke ili konsistigus eron el la procezo da fundamentaj transformoj komence necesaj.

Tial ŝajnas al mi ke, almenaŭ ĝis hodiaŭ, ne estas eble apliki al la problemo pri "la lingvaj rajtoj estiel homaj rajtoj" la metodologiajn postulatojn de la scienca racio, ĉar la tuto vanuus en niaj manoj ĉe la nura ekapliko de tia racio.

Tamen, se scienca racio ne estas aplikebla, ni almenaŭ devas tiurilate nin gvidadi per certa racieco-kriterio kiu, alprenante la esencaĵon de niaj raciaj aspiroj, pliriĉigu tiujn ĉi per eroj de tio, tiel aŭtentike homeca, kiun ni nomas la komuna saĝo.

(8) *Noto de la tradukinto.*- (a) La 3a artikolo de la Hispana Konstitucio de la jaro 1978 tekstas jene: "1. La kastilia estas la hispana lingvo oficiala de la Ŝtato. Ĉiuj hispanoj havas la devon ĝin koni [= povoscii] kaj la rajton ĝin uzi.- 2. La ceteraj lingvoj hispanaj estos [kio allasas ankaŭ la nuancon "estu"] ankaŭ oficialaj en la respektivaj Aŭtonomaj Komunumoj laŭ ties [Aŭtonomeco-]Statutoj". [La "kastilia lingvo" estas tiu antonomazie nomata "la hispana lingvo", speciale en internaciaj kuntekstoj].
(b) La Aŭtonomeco-Statutoj de Eŭskio, Katalunio, Galegio kaj Valencio proklamas ke iliaj lingvoj propraj estas respektive la eŭska, la kataluna, la galega kaj la valencia; ke tiuj lingvoj estas oficialaj en la respektivaj teritorioj kiel anka% la kastilia, oficiala en la tuta ŝtato; ke la respektivaj citivanoj havas la rajton sendiskriminacie koni kaj uzi amba% lingvojn. (Rimarkindas, tamen, ke ĉiuj provoj leĝe proklami la devon de la respektivaj civitanoj koni ambaŭ lingvojn, estis nuligitaj de la Konstitucia Tribunalo.
(c) Laŭ mia kompreno, la provilo por objektive juĝi pri la koncerna realo en la nuntempa Hispanio troviĝas en la plenumado aŭ neplenumado de la malpermeso diskriminacii lingvokaŭze (kiun proklamas la Statutoj de Eŭskio kaj de Galegio), kiel ankaw de la devo trudata de la Kataluna Statuto, garantii la uzadon normalan kaj oficialan de la du lingvoj, kiel ankaŭ alpreni la rimedojn necesajn por certigi la konon kaj plenan egalecon de ambaŭ lingvoj.

Ja tie ĉi ne estas la loko por malvolvi pri tia afero, sed almenaŭ mi diru ke, laŭ mia kompreno, la evoluo nun okazanta estas esperiga, kvankam iaj minoraj kontraŭstaroj kaj sociaj maltranviloj doniĝas tiurilate.

# Ĉu miskomprenoj?

Ne malofte, miskompreno estas unika motivo por nuligi penadon. Ĉe ni okazas tio ankaŭ kiam oni proponas ion ŝajne malakordigeblan kun principoj de antaŭlonge subtenitaj kaj, kutime, defenditaj kiel ununura kaŭzo de ĉiu lernado de Esperanto. Antaŭjuĝo laŭ kiu, nia internacia lingvo utilas nur por kultivi internacian amikecon estas unu el tiuj kazoj. Miaopinie, tamen, tia sinteno estas senvalora ĉar mankas pruvoj de tiu apriora asertado.

Ĝis hodiaŭ oni ne laboris *daŭre* en la aplikado de Esperanto en la ekonomia kampo. Kompreneble, dependе de la travivaĵoj kaj temperamentoj de la personoj, eblas alporti argumentojn kontraŭajn kaj favorajn al tio. Miaflanke, jen kelkaj rimarkoj pri la afero:

— Neniu rajtas senvalidigi apriore la penadon aplikadi Esperanton profitcele;

— La ĝisnuna manko de aplikado de Esperanto en kromaj kampoj de la ĉiutaga vivo neniam pruvos, ke nia lingvo estas utila por unuigi la homaron nur amikece.

Se koncepte ne estas malakordo inter la "interna ideo" kaj la aplikado de nia lingvo por perlabori panon, kial, do, agadi malsame ekstermense? Tion komprenas aktivuloj kiuj, respondece, per sia laboro, impulsas la lingvon kaj levas ties prestiĝon.



"GAZETO ANDALUZIA", organo de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, de junio 1993 inkluzivas, senpage, sekcion "Esperanto Aplikata". De tiam, ĝis decembro 1994, ĝi aperigis 223 anoncojn devenantajn de, inter aliaj landoj, Hispanio, Polio, Danio, Germanio, Kolombio, Vietnamo, Hungario, Ĉinio, Kenjo, Usono, Nederlando, Francio, Aŭstrio, Armenio, Nepalo, Turkio, Albanio, Rusio, Rumanio, Brazilo, Burundo, Zairio, Koreio, Siberio, Italio, Svislando, Uzbekistano, Kubo, Togolando, Bulgario,

Belorusio, Kanado, Irano... Aldone, en tiu revuo, aperas ekde la jaro 1992 artikoloj pri profitcela aplikado de Esperanto.

Aliaj organizoj, kiel IKEF (Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo), ITRE, TAKE kaj MONDA MERKATO agadas same. Plie, IKEF prizorgas perEsperantajn aranĝojn aŭ informas pri ili celante profesian kaj sukcesan agadon, dum ITRE sin okupas rekte pri tradukado en kiu oni uzas E-on kiel pontolingvo.

La plej juna el tiaj organizoj estas TAKE (Tutmonda Asocio de Esperantistaj Konstruistoj). Ĝi klopodas por:

1) havigi monon al siaj membroj, al si mem por financi la rezulton de sia terminologia laboro, kaj la ĝeneralan movadon per reklamado en E-gazetoj.
2) vidigi Esperanton al la publiko inter la aliaj lingvoj, sur produktoj de la ĉiutaga vivo.
3) malfermi nin al la ekstero senideologie.
4) doni al Esperanto iom da prestiĝo komprenebla de amasoj kaj de elitoj.

Tute certe, inter ni troviĝas personoj kiuj deziras kunlabori kun la organizoj meciitaj supre. Por helpi ilin, jen la respondajn adresojn:

IKEF, Roland Rotsaert, Viaspaanstraat 97; B-8000 Brugge, Belgio;
ITRE, Daniel Durand, Les Nids, 49190-Saint Aubin de Luigne, Francio.
MONDA MERKATO, Pf. 1539, WD 8120 Weilheim, Germanio.
TAKE, RN 83, Rue de Tiefenbach, F-68920-Witzenheim, Francio.
GAZETO ANDALUZIA, P.K. 864, E-29080-Malaga, Hispanio.

*Andrés Martín*

---




**KOMERCAJ ANONCOJ POR APLIKADO DE ESPERANTO**

★ Turisma Oficejo NOVTUR kaj Pola Esperanto-Asocio en Andrychów, Polio, anoncas diversajn aranĝojn en 1995. Post la 80a UK en Tampereo, Finnlando, kaj invitas vin partopreni en agrabla somera feriado en internacia esperantista etoso en Szczyrk.

Beskidmontara Turisma Esperanto-Renkontiĝo (BTER-95) okazos en belega pola urbeto Szczyrk (centro de skisportoj) proksime de la ĉeha-pola limo, ĉe la piedo de Silezia Beskido. La urbo troviĝas en vojevodio de Bielsko-Biala. La ĉirkaŭaĵo donas abundan eblecon bone kaj utile pasigi tempon. Vi povas dum BTER ekkoni parton de pola popolarto, historio kaj naturo. La Renkontiĝo okazos de la 2a ĝis la 8a 1995. Informoj: "NOVTUR"—Turisma Oficejo. Str. Wlókniarzy 22. Pl. 34-120 Andrychów. Skr. Poczt. 30. Pollando.

★ Eksporto de minaĵoj (smeraldoj, beriloj turmalinoj, kvarcoj, jaspoj...) kaj agrikulturaĵoj (vaniloj, kafo, kariofiloj, licioj...). Importo de elektraj motoroj, agrikulturaj maŝinoj, ladaĵoj, aŭtopecoj, k.a.. Kontaktu: E-Societo pri Minekspluatado; Lot IV B, 71 Ambohimiadana; Sud Ambohimaranina; Antananarivo—101, Madagaskaro; Tel +261-2-30205; faksilo +261-2-31201.

★ Transporto de ŝarĝoj kaj personoj en eksa SU kaj cetera Eŭropo. Eksporto de brodaj naciaj ĉemizoj, tukoj ks., diamantaj (sintezaj) instrumentoj, elektraj moviloj, lampoj, kompresiloj, agrokulturaj varoj. Importo de vestoj, ŝuoj, hejmaj kaj agrokulturaj maŝinoj, bicikloj, aŭtoj, traktoroj. Principe bartera komerco. Adreso: Ivan Lisenko, Firmao LIGAS; alja 37; UKR-314000 Poltava; Ukrainio; tel: 7-5322-21427.

---




★ S-ino Daniela Ivanova, pentristino per bio- kaj kosma energio, deziras korespondadi kun samspecaj kolegoj. Adreso: D.I. Starozagorska, 5. Ap. 3. BG-6100-KAZANLAK. Bulgario.

★ Pri turismo, precipe montara, en larĝa agosfero, pri fotografio, politiko kaj teatro korespondos krakova samideano posedanta aŭton kaj loĝejon por gastigado. Skribu al: Marian Rajchel, Os Handlowe 8/26. PL-31-936 Krakow. Pollando.

★ Pri turisma grupinterŝanĝo korespondos nome de la krakova grupo s-ino Wanda Wegrzyn. ul. Manifestu Lipoowego 14/2; PL-31109-Krakow. Pollando.

★ Kuba profesorino gvidante Esperanto-kurson al pluraj infanoj deziras korespondadon por tiuj Esperanto-lernantoj ĉ. 8-jaraj. Ŝi ankaŭ petas helpon per sendo de esperantaj lerno- kaj lego-libroj por infanoj, kaj jam antaŭdankas en la nomo de la infanoj al tiuj kiuj bonvolos komplezi ŝin per tiuj sendaĵoj. Adreso: Mercedes Miguel Leyva; Cisneros 354 A / Gral. Jesus y H. Agüero. Camagüey-1. Cuba C.P. 70100.

# ... kaj viglas plu

★ **Michael Jackson Kaj Esperanto**

La fama rokmuzika idolo Michael Jackson prezentos sian lastan verkon *History* (Historio) per videofilmo en kiu oni uzas la Internacian Lingvon Esperanto. La kosto de la filmo, farita en 10 tagoj en Hungario, estas ses milionoj da dolaroj. En ĝi Michael Jackson aperas kiel liberiganto de orient-eŭropa popolo. Tamen oni ne scias multe pli pri la afero. Do, ni atendu ĝian aperon por profiti de la famon de la usona kantisto en nia informado.

★ **Mazi: Granda sukceso**

La unua intergeneracia *Kurso de Esperanto* sur vid-bendo baldau estos preta. Ĝi estas moderna profesi-nivela instru-materialo adaptita al Esperanto el BBC-filmoj por infanoj. Mazi estas ĉefe destinita por la esperantistaro kaj E-familioj, por helpi al ili instrui la lingvon interese, senerare kaj precipe en familia rondo. Temas pri instruo de bazaj reguloj de nia lingvo laŭ rekta metodo. Samtempe ĝi estas ankaŭ moderna demonstrilo, por montri al la "ekstera publiko" kiel la lingvo funkcias. Internacia Esperanto-Instituto eldonos do la *Mazi*-kompleton. La produktado de la tuto okazos ĉe la firmao *Tommy Publishers* en Varsovio, en kunlaboro kun di profesiaj fim-reĝisoroj: *Roman Dobrzyński* kaj *Piotr Friedrich*. La tekstojn kaj libron preparos kunlabore 3 personoj: *Stefan Macgill, Andrzej Pettyn* kaj *Mila van des Horst-Kolińska*.

# La bonaj servoj de HEF

La Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio anoncas la aperon de sia nova katalogo "Vintro-95", kun 28 paĝoj.

Mendu ĝin senpage.



HEF 91-446-80-79

## 24 horojn tage, respondile kaj faksile

**Reklamtarifo de Boletín**

| | |
|---|---|
| Kvarona paĝo | 2.000 ESP |
| Duona paĝo | 3.000 ESP |
| Tuta paĝo | 5.000 ESP |

Manieroj pagi: 1) per HEF-konto ĉe UEA (hefb-m). 2) per HEF-konto ĉe hispana ŝparkaso Caja Postal (0014011966)

*Kompletigu vian bibliotekon! Nun...* **Tirano Banderas**

*Mendu tuj vian ekzempleron!*

## Ĉu vi jam jotizis por 1995?

*Atentu!*

Helpu la laboron de la Centra Oficejo kaj ŝparu monon al HEF per frua pago de via kotizo.

| | |
|---|---|
| Membreco kun la revuo "Boletín" | 3.000 |
| Emerito, junulo, senlaborulo | 2.250 |
| Asocio aŭ Grupo | 6.000 |
| Por esperantistaj societoj 10 ekz. | 15.000 |
| Dumviva membro | 200.000 |

Eksterlanda abono: 50 NLG [guldenoj], aŭ ekvivalento.

Konto-numero de HEF ĉe Caja Postal n-ro 14.011.966.

# Kiam estos reviziita Plena Ilustrita Vortaro?




Antaŭ kelkaj jaroj Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) anoncis, ke estos entreprenita revizio de "Plena Ilustrita Vortaro", kies unua eldono estis publikigita en 1970. Ricevis la taskon okupiĝi pri tiu grava leksikografia projekto Michel Duc Goninaz, membro de la Akademio de Esperanto. Ĉar nek li nek SAT publike informis en la Esperanto-gazetaro pri la progreso de tiu revizia laboro, estiĝis skeptikeco inter seriozaj esperantistoj, kiuj komencis suspekti, ke SAT intence prisilentas la aferon. La kaŭzo plej probable estas manko de pozitiva kaj konkreta agado rilate kolektadon kaj utiligon de novaj donitaĵoj por ĝustigo de eraroj en la unua eldono kaj ankaŭ en la magra *Suplemento* de 1987. Plue, la leksika enhavo de la vortaro devas fariĝi pli ampleksa por speguli la aktualan staton de Esperanto.

Mia propra maniero kontribui al la revizia laboro estas per publikigo de artikoloj temantaj pri problemoj, kiujn alfrontos la reviziontoj. Unu el la plej gravaj demandoj rilatas al neologismoj. Por proponi ilin por inkludo en la vortaro, ne sufiĉas fari nuran liston; estas necese aldoni tekst-citaĵojn, mencion pri registraĵoj en etnolingvaj Esperanto-vortaroj, kaj ankaŭ pravigon de la vortformoj kaj ties difinoj. Kiel ekzemplon, mi pritraktos en tiu ĉi artikolo la malĝustan vortformon "manaĝero".

**"Meneĝero" malnova neologismo**

La plej frua uzo de tiu ĉi vorto, kiun mi sukcesis trovi, estas en la romano "Mr. Tot aĉetas mil okulojn" (1931), de Jean Forge (pseŭdonimo de Jan Fethke). Jen du citaĵoj. Parolas membroj de trupo de dancknabinoj en hotelo.

1. "Kvankam li estas nia meneĝero, tamen li ne rajtas gardi nian virton" (paĝ. 57).

2. "Tiu Iberley estas same tia homaĉo, antaŭe estis boksisto, nun meneĝero kun koro malmola kiel ŝtono" (paĝ. 134).

Kvankam la aŭtoro ne glosas la neologismon, laŭ la kunteksto estas kompreneble, ke meneĝero estas impresario, t.e. entreprenisto, de danc-spektaklo. La Esperanta vorto estas fonetisma asimilado de la angla *manager*. Ŝajnas, ke tiu vortformo estis mortnaskita, ĉar mi ne trovis ĝin en postaj verkoj.




"Managêro"

En 1962 Hans Wingen registris la formon "managêro" en sia vortareto "Wörter der Gegenwart", kolektaĵo da aktualaj vortoj. Ĝi eble baziĝas sur la germana etimo *Manager*. Tiu formo estis transprenitaj de aliaj vortaristoj en la 1970-aj kaj 1980-aj jaroj, kaj ĝi aperis en la *Suplemento* de PIV (1987) kun jena difino: "persono prizorganta la negocajn aferojn de sportaj aŭ artaj entreprenoj aŭ de sportistoj aŭ artistoj".

"Managîsto"

Aliaj esperantistoj en la fruaj 1980-aj jaroj ekuzis ankoraŭ unu vortformon, "managîsto". En *Monato* apud "managîsto", troviĝis ankaŭ "managâdo" kaj "managâj aferoj". Tamen, ne estis uzata la baza verba formo "managî". Kelkajn jarojn poste mi registris "managêrado" (1985) kaj "managêra scienco" (1988).

La bizara formo "menedĝero"

La sekva citaĵo venas el artikolo publikigita de hungara esperantisto en *Kooperativa Stelo* (1991, pĝ. 24).

"Ĉi tiu akcia societo estos gvidata pere de menedĝeroj, el kiuj tri reprezentos la kooperativojn..."

"Menedĝero" estis asimilita fonetisme laŭ la prononco de la hungara samsignifa vorto *menedzser*.

La baza vorto "managî"

Estas evidente, ke la historio de la koncerna vorto en Esperanto montras plenan kaoson. Malgraŭ tio, ke "managêro" jam estas registrita en la *Suplemento* de PIV, ĝi ne estas la plej konvena vortformo por pluformado. En la angla la bazo de ĉiuj *derivitaj* vortoj estas la verbo *to manage*, do "managî" estu uzata en Esperanto kun la sama celo.

1. *managî*— 1. (komerco, industrio) administri, direkti, mastrumi la aferojn de firmao, entrepreno aŭ organizaĵo; 2. (spektaklo) direkti, organizi ĉiuspecajn spektaklojn, okupiĝi pri la kontraktado de partoprenantoj kaj zorgi pri iliaj financaj aferoj.

2. *managâdo*— 1. (komerco, industrio) la scienco de administrado

de entreprenoj; 2. (spektakloj) la organizado de partoprenantoj en spektakloj kaj la okupiĝo pri iliaj kontraktoj kaj financaj aferoj.

3. *manaĝisto* — profesie kvalifikita persono, kiu manaĝas (ĉiuj sencoj).

4. *manaĝistaro* — en firmaoj kaj entreprenoj,la administrantaro, direktantaro,administracio,direkcio.

La neologismo "manaĝero" ne plu estas bezonata, ĉar ĝi estas anstataŭigebla per la regule formita "manaĝisto".

*Bernard GOLDEN*

---

**Leteroj el niaj legantoj**

## Pri la uzo de la refleksivo

Estimataj samideanoj:

ricevinte "Boletín"— 316 (majo-junio 1994), mi konstatis, ke sinjoro Rikardo Ŝulco denove atencas nian Fundamenton por pravigi la erarojn de la Analiza Skolo, kiu por li verŝajne gravas pli ol la Fundamento kaj la movado. Denove li volas ŝanĝi la uzadon de la refleksivo "sia" kaj senigi nian lingvon de grava esprimilo.

La refleksivo ricevis sian nomon laŭ la kapablo refleksi, do reefiki al la subjekto de la frazo. Ĝi indikas objekton aŭ personon, kiu apartenas al la subjekto de la frazo. En la frazo "Ariko sidas ĉe la lito de sia patrino" respondas la demandon de sinjoro Ŝulco "kies estas la lito?" ne la posesivo, sed la prepozicio DE. Tiu informas nin, ke la lito apartenas al la patrino. La posesivo havas alian taskon, nome doni informon "kies estas la patrino?". La refleksivo "sia" informas, ke ŝi apartenas al la subjekto de la frazo, do al Ariko. Se ni uzus alian pasivon (lia, ŝia, mia, via, nia, ilia), tiam ŝi apartenus al alia persono aŭ personoj. Se mi malpermesus uzi la refleksivon post DE, tiam Esperanto perdus kapablon distingi inter patrino de Ariko kaj patrino de alia viro.

Sinjoro Ŝulco metas malĝustan demandon ("kies estas la lito?" anstataŭ "kies estas la patrino?"), arbitre enŝovas vortojn "(kiu estas)" por ŝanĝi la subjekton de la frazo (nun subjektas la lito!) kaj per tiu artifiko li mistifikas sin mem kaj aliajn, eĉ ne rimarkante, ke li perfortis sian logikon. En la lasta frazo de la alineo "Ĝi estis de *lia* kaj ne de *sia* patrino, ĉar lito ne havas patrinon" li subkonscie rilatigas SIA post DE al la subjekto de la frazo. Se lito havus patrinon, tiam eblus frazo "Ĝi estas de sia patrino", pli precize "La lito estas havaĵo de sia patrino". Jen ekzemplo, ke la vorto post DE kun refleksivo apartenas al la subjekto (lito), ne al la vorto antaŭ DE (havaĵo), ke temus pri patrino de lito, ne pri patrino de havaĵo.

Enŝovi la subkomprenatan vorton "havaĵo" oni povas same prave kiel enŝovi la vortojn "kiu estas". Tiam ni ricevus jenan rezulton: "Ariko sidas ĉe la lito, kiu estas havaĵo de lia patrino". Ŝajne sinjoro Ŝulco

pravas. Sed ni per tio akiris vortgrupon "havaĵo de lia patrino", kiu estas same analizebla: "havaĵo, kiu estas havaĵo de lia patrino".

Sed denove aperas la sama vortgrupo, kiu estas same analizebla kaj en kiu la vortgrupo denove aperos, kvazaŭ ni rigardus en du spegulojn starantajn unu kontraŭ la alia kaj redonantajn la saman bildon multobligita ĝis senfineco:




"Ariko sidas ĉe la lito, kiu estas havaĵo, kiu estas havaĵo, kiu estas havaĵo, kiu estas havaĵo..." kaj ni neniam ekscius, kies estas la lito, tiom malpli, kies estas la patrino.

Oni simple ne rajtas enŝovi subkomprenaĵon, kiu detruas la saman teorion, oni devas akcepti la simplan fakton, kiun donas la Fundamento (kvankam per aliaj ekzemploj):

"Ariko sidas ĉe la lito de sia patrino" signifas, ke la patrino apartenis al Ariko.
"Ariko sidas ĉe la lito de lia patrino" signifas, ke la patrino apartenis al alia viro.

Salutas

*Miroslav Malovec*
Bosonozskä 15/10; 625 00 BRNO; Ĉeĥio.

# La venonta UK en Finnlando

La 80a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Tampereo, Finnlando, de la 22a ĝis la 29a de Julio 1995.

Finnlando —lando de la mondofino por helenoj kaj romianoj; lando de longaj blankaj vintroj, de miloj da lagoj kaj de vastaj arbaroj; lando de la ruĝe vestita Jul-avo, kies viziton ĉiu bona infano atendas en la kristnaska vespero; lando, kie homoj unue banas sin en saŭno kaj poste en neĝo...

Sed Finnlando estas ankaŭ lando de bela, foje eĉ arde varma somero kun sennoktaj noktoj. Ĝi estas prospera lando kun alta vivnivelo, socia sekureco kaj moderna teknologio, lando kun agrikulturo produktanta grenon eĉ superflue.

Finnlando estas unu el la plej grandaj landoj en Eŭropo. Tion oni vidas ankaŭ en la varia klimato: dum en la nordo ankoraŭ kuŝas neĝo, en la sudo jam verdas greno. Malgraŭ la vasteco de la lando, nur kvin milionoj da homoj loĝas tie, plejparte en la sudo, dum en la norda duono vivas nur okono de la popolo. La maldensa loĝateco lasis lokon al vastaj arbaroj, kiuj kovras 80 procentojn de la

lando. Dank' al ili Finnlando estas la dua plej granda eksportanto de papero en la mondo. Pino, piceo kaj betulo estas la ĉefaj arboj. En la plej fora nordo, kie arboj ne povas kreski, regas tundro. Krom arboj, ankaŭ 1200 specioj de plantoj, 800 de fungoj kaj pli ol 1000 de likenoj riĉigas la flaŭron.

Neĝo kovras la sudon de Finnlando dum tri monatoj, dum en la nordo ĝi restas eĉ sep monatojn. Tamen oni ne timu pri la vetero dum la kongresa periodo! Tiam la temperaturo povas varii inter 15 kaj 25 Celsiaj gradoj. Kongresanoj de la 54 UK en Helsinko en 1969 memoras, ke ili jam trafis "indianan someron", kiel finnoj nomas nekutime varman sezonon.

La finna somero proponas multon al la vizitanto. Puraj lagoj invitas naĝi aŭ -post la havigo de permeso- fiŝkapti. Kvietaj arbaroj ofertas sovaĝajn berojn kaj fungojn, kiujn ĉiu ajn vaganto rajtas libere pluki.




Kulture la finnoj estas skandinavoj. Ne mirinde, ĉar dum 700 jaroj la lando estis parto de Svedio. La finna lingvo (suoma) tamen apartenas al alia, finn-ugra familio. Jam unuavide ĝi diferencas de plej multaj eŭropaj lingvoj. Apud la finna, oficiala lingvo estas ankaŭ la sveda, parolata de ses procentoj de la loĝantaro. En la plej norda landoparto la lapona (samea) kun 1800 parolantoj estas la oficiala lingvo sur loka nivelo ekde 1991.

Per la apero de la nacia epopeo "Kalevala" en 1835 ekdisfloris la finna lingvo kaj kulturo. La magia mondo de "Kalevala" inspiris artistojn sur ĉiuj kampoj. Jean Sibelius (1865-1957), komponisto de monda staturo, ekfamiĝis per la "Kullervo"-simfonio, bazita sur temo el Kalevala.

Bonŝance esperantistoj povas ĝui kelkajn el la perloj de la finna literaturo, kiu plej funde reprezentas la pacan, kultur-aman spiriton de la popolo. "Kalevala" (J.E. Leppäkoski 1964, 2a eld. 1985) estas unu el la pintaj atingoj de la Esperanta tradukarto. La fondoŝtono de la finna romano, "Sep Fratoj" de Aleksis Kivi (1834-1872), same kiel kelkaj liaj teatraĵoj, aperis en Esperanto. Pli modernaj mondfamaj verkistoj estas la Nobelpremiito Frans Sillanpää (1888-1964) kaj Mika Waltari (1908-1979), kies "Sinuhe la egipto" aperis en multaj lingvoj kaj diskonatiĝis ankaŭ kiel filmo. La tampereano Väinö Linna (1920-1992) famiĝis per la romano "La nekonata soldato".

Tampereo estas la plej granda ne-marborda urbo de Nordio. Kun 175 000 loĝantoj ĝi estas unu el la ĉefaj industriaj, komercaj kajkulturaj urboj en la lando. La urbocentro kuŝas sur mallarĝa terkolo inter du lagoj, kiujn kunigas la

potenca rapidfluo Tammerkoski. La oportuna situo faris la urbon grava trafiknodo. Fondita en 1779, Tampereo ne estas malnova urbo. Ĝin fondis la sveda reĝo Gustavo la Tria precipe por industrio kaj komerco. Same kiel Turkuo, la antaŭkongresa urbo, estas la lulilo de la finna kulturo kaj Helsinko la administra centro, Tampereo estas la lulilo de industrio kaj tekniko. Pruvas tion la ruĝbrikaj konstruaĵoj en la urbocentro kaj ekzemple la fakto, ke la unua elektra lumo en Norda Eŭropo estis ŝaltita ĝuste en Tampereo en 1883, kaj ke de ĉi tie ekdissendis la unua radio-stacio de la lando en 1923.



Lastatempe Tampereo transformiĝis el urbo de uzinoj en tiun de entreprenoj bazitaj sur alta edukiteco kaj plej nova teknologio. La universitato kaj teknika altlernejo, kun sume pli ol 21 000 studentoj, estas parto de tiu ŝanĝiĝo. Sed Tampereo pli kaj pli reliefiĝas ankaŭ kiel kultura urbo. Jam longe ĝi furoras pro sia teatra vivo. Ĝiaj verkistoj kaj korusoj estas konataj tra la tuta lando. La novkonstruita konferenca kaj muzika centro, Tampere-Halo, kongresejo de la 80a UK, proponas altkvalitan ejon por grandskalaj muzikaj eventoj. Multaj mondfamaj orkestroj jam gastis tie. Kulturema kongresano certe ne povos ne viziti iujn el la urbaj muzeoj, artgalerioj, kaj la modernan bibliotekon.

La Esperanto-movado naskiĝis en Tampereo en 1905, kiam fondiĝis Esperanto-Grupo de Tampereo. La nuna societo "Antaŭen" estas unu el la plej aktivaj en Finnlando kaj ĝia bulteno "Vekilo" estas legata ankaŭ eksterlande. Al malpli konata historio de Esperanto apartenas la veturo de D-ro Zamenhof tra Tampereo en 1914, kiam laŭ longa ĉirkaŭvojo li devis reveni hejmen post interrompita vojaĝo al UK en Parizo, nuliĝinta pro la milito.

La kongresejo de la 80a UK, Tampere-Halo, estis finkonstruita en 1990. Ĝia plej granda salono akceptas 2 000 homojn, kaj ĝi disponigas plurajn aliaj ejojn por la aranĝoj de la UK. Ĝi troviĝas en la urbo-centro je duonkilometra distanco de la fervoja stacidomo. La rezervitaj hoteloj, tre bonkvalitaj, situas nur je piediro for de la kongresejo. La kongresanoj povos facile aranĝi ĉiujn siajn aferojn ene de promena distanco.

Kongresa Peranto por Hispanio: S-ro Juan Azcuénaga Vierna; General Dávila 127. Portal 7, 2-izq. 39007-SANTANDER.

*Ĉerpita el Unua Bulteno*

# Raymond Schwartz en nia retrospektivo

Nur kelkaj tagoj pasis post la jaro 1994a, dum kiu la amikoj kaj simpatiantoj de R. Schwartz celebris la centjaran datrevenon de la naskiĝo de tiu originala bonhumura franca esperantisto, kaj mi opiniis oportune verki iom pri liaj rilatoj kun hispanoj en rigardo retrospektiva, kaj samtempe profiti la okazon por spici la elvokon per mencio de liaj plej gravaj viveroj kiel esperantisto.

Humuristo senegala en la verda beletro, tre bona verkisto kreinta novan stilon, fervora esperantisto, Raymond Schwartz distingiĝis ĉar dank' al inaŭguro de la unua esperanta kabareto en Parizo, li kreis tute novan etoson pri gajo, festoĝuo, muziko kaj sprito en Esperantio.

En nia retrospektivo, Raymond Schwartz (1894-1973), aperas jam en siaj junaj jaroj antaŭaj al la unua mondmilito, ĝuste en 1912, kiam li estis apenaŭ lerninta Esperanton kaj vizitis Barcelonon. Li restis tie longan tempon, ekpraktikis la internacian lingvon kun niaj Barcelonaj samideanoj, kaj infektiĝis de la esperantista fervoro tiam reganta en nia mediteranea urbo post la UK. En tiu etoso li publikigis plurajn rimaĵojn en "Tutmonda Espero", revuo sin titolanta reprezentanto de la katalunaj esperantistoj, redaktata en esperanta kaj kataluna lingvoj, kaj aperanta de sia naskiĝo en strato Paradis, 12.

Reveninte en Metz, lia naskiĝloko, li fondis en 1913 la E-Grupon "La Amika Rondo" kaj tuj post la fino de la unua mondmilito li publikigis poemojn kaj artikolojn en diversaj E-revuoj. En Parizo li rekreis similan rondon al tiu de Metz, kun ĉiusemajna rendevuo, kvazaŭ provo por la estonta E-kabareto.

De 1920 li inaŭguris kaj gvidis dum kelkaj jaroj E-kabareton "La Verda Kato" en Parizo, en kiu kelkaj esperantistoj ludis plurajn amuzajn skeĉojn, kantis spritajn kanzonetojn aŭ satiris pri ne gravas kio, kvankam Schwartz

ĉiam restis la animo de la spektaklo. Esperantistoj el la tuta mondo vizitis tiun kabareton kiel ion tute originalan, kiu rompis la monotonan bildon de seriozaj vizaĝoj de la tiamaj esperantistoj.

En 1926 Raymond Schwartz forlasis tiun aktivadon en "La Verda Kato" kaj verkis intense, konfirmante sian elstarecon kiel humuristo kaj kreanto de stilo tute ne konata ĝis tiam en Esperantio. Liaj ŝercaj versoj amuzas kaj ĉarmas niajn samideanojn. Jen kelkaj el ili:

Se vi pipon vire fumas,
Sen intesta embaraso,
Kaj sojfe okulumas
Al belŝaŭma bierglaso,
Jen vi estas taŭga frato
de La Verda Kato!



Se vi scias per mokvorto
Ŝerci pri respekta moro,
Se vi povas ĝis la morto
Nutri vin per bonhumoro
Jen vi estas taŭga frato
de La Verda Kato!

Sed! se peze kun prediko
Vi grumbladas pri moralo,
Kaj pro konscienc-koliko
Manĝas herbojn nur sen salo,
Vi ne estas taŭga frato
de La Verda Kato!
k.a.

Je la fino de 1926 "La Suno Hispana", organo de la Valencia Esperanta Grupo, organizis konkurson inter Eŭropaj esperantistoj por premii la plej bonan esperantan tradukon de la populara kanzono "Valencia", kiu, en tiuj tagoj famiĝis ĝis la frenezo kune kun aliaj kanzonoj ĉe l' Moulin Rouge, Folies Bergère kaj Kazino de Parizo, la mita aktorino kaj kantistino de "music-hall" Mistinguette. La konkurson ne povis partopreni hispanoj nek hispanlingvaj amerikanoj. Post tri monatoj, la juĝantaro premiis la tradukon de Raymond Schwartz, el Parizo, kiu prezentis jenan tekston:

Valencia!
Mi el fremda sudo venas,
el oranĝoflora land'.
Valencia!
Kaj ĉi tie vende tenas
oranĝflorojn al pasant'.

Valencia!
Mi ne estas amknabino
nek en ombro kaŝas min.
Valencia!
Koron havas ciganino,
koron, sed... ne vendas ĝin!

I

Vi ridetas se mi pasas
flirte kiel plum',
danke mi postlasas
iom da florparfum'.

Mi vere ne timas rivalojn,
ĉar estus surpriz',
se multajn vi oranĝpetalojn
trovus en Pariz'!!!

II

La pasanton mi invitas
ŝerce al aĉet'
kaj se li hezitas,
kaptas lin mia pet':

"Sinjoro, junige rebrilas
por vi rememor'!
Fraŭlino, sendube utilas
la oranĝa flor'!"

III

"Prenu, prenu, estas via
freŝa floro ĉi,
sed floret' alia
ĉiam restos por mi!
Ĉi tiun nek princo perfortos
nek oro de l' ŝtat',
ĉar mi ĝin donace alportos
baldaŭ al amat'!"

Valencia!
Mi el fremda sudo venas
el oranĝoflora land'.
Valencia!
Kaj ĉi tie vende tenas,
oranĝflorojn al pasant'.

Valencia!
Mi ne estas amknabino,
nek en ombro kaŝas min.
Valencia!
Koron havas ciganino,
koron, kaj... donacas ĝin!!



Raymond Schwartz ricevis kiel premion, inter alio, plenan korbon kun plej bongustaj oranĝoj de Alziro (Valencio).

La talento kaj humuro parfumas la artikolojn de Schwartz en la monata spritgazeto "La Pirato", kiun li redaktis de 1933. Kun sia saĝo karakteriza, Kalocsay, trafe kiel ĉiam, prijuĝis la verkadon de Schwartz en tiu gazeto: "en ĝi li estas "la terura infano" de la esperanta familio, nenio estas kaŝita antaŭ li kaj nenion li indulgas, kiu aŭ kio estas inda je grimaco aŭ pinĉo, sed

pinĉante per moko samtempe li tiklas per sprito, tiel ke la pinĉito mem devas ridi anstataŭ indigni"...

En 1937, kiam pli brulis la hispana intercivitana milito kaj la tuta mondo interesiĝis pri ĝi, aperis en la junia numero de "Nia Gazeto", en kolekto de spritaj rimoj originalaj, verseto kiu ironias pri la bombaste anoncita konkero de Madrido fare de la ribelintaj generaloj diris al la hispana diktatoro:

Ke li nun fine, laŭ decid',
promenos morgaŭ en Madrid'!
...Estas tro frue...

Plurfoje, Raymond esprimis al siaj amikoj sian simpation al la hispanaj respublikanoj. Lia satira talento ebligis al li fari el drama evento ridigan bildon.

Liaj verkoj ornamas ĉiun periodon de la vivo de Schwartz: "Verdkata testamento" (1926), "Prozo ridetanta", "Anni kaj Montmartre", "La stranga butiko"(1931), "Kiel akvo de l' rivero" (1963), "Kun siaspeca spico" kaj multaj aliaj, inter ili abundaj paĝoj pri la ata/ita afero en "La Zamenhofa Esperanto", "Simpozio pri ata/ita", "Ne kiel Meier!", "Invito al revizio de niaj konceptoj pri la konjugacio en Esperanto" (1967), k.a..

Kun la bonvolo de niaj legantoj mi deziras fini mian artikolon omaĝe al la figuro de Raymond Schwartz per kurioza cito, kiun mi legis antaŭ kelkaj jaroj en hispana esperanta gazeto aperinta en 1910, kies teksto tute ne ŝanĝas la temon. La noto diras:

**Esperanto sur Varietea scenejo**

S-ro Karl Schwartz, la fondinto kaj estrara membro de "Varietea Esperanta Ligo", kiu estis eminenta parodiisto kaj artisto, aranĝis en Parizo (en la konata varietea teatro Folies Berĝère) esperantan prezentadon. La sukceso estis tiel plena, ke eĉ eminentaj parizaj gazetoj ne povis silenti pri tiu rimarkinda okazintaĵo kaj detale raportis pri ĝi. Certe estis la unua fojo, kiam oni parolis nian esperantan lingvon sur varietea scenejo". ("NOVA SENTO" n-ro 7; Dua jaro. Januaro 1910).

La tuta noto estas por mi, obstina scivolema legemulo, vera surprizo: mi subskribus ĝin metante la nomon de Raymond Schwartz kaj la supozante eventualan preseraron, sed ne nur estas la nomo Karl kio metas min en konfuzon, sed ankaŭ la daton de la evento, la ekziston de tiu "Varietea E-Ligo" kaj kelkajn aliajn detaletojn, kiuj tute ne koincidas kun la biografiaj kronologiaj viveroj, kiujn mi retenas en mia memoro pri Raymond Schwartz.

Eble, nia dokta kolego Reinhard Haupenthal, tiel bona amiko de familio Schwartz, povus satigi la scivolemon de niaj legantoj kaj... kompreneble, ankaŭ la mian. Antaŭdankon!

*Antonio Marco Botella*

---

# Kvardek jaroj post la forpaso de Ortega y Gasset

Ĉiu preteksto validas se oni uzas ĝin por elvoki la figuron kaj penson de Ortega y Gasset, sendube la plej eminenta hispana intelektulo de tiu ĉi jarcento. Efektive, Don José Ortega y Gasset, naskiĝinta en Madrido en 1883, filo de la direktoro de la grava ĵurnalo "El Imparcial", José Ortega Munilla, forpasis antaŭ kvardek jaroj, t.e. en 1955.

Don José studis en la Madrida Universitato, kie li doktoriĝis pri Filozofio kaj Beletro. Poste li daŭrigis siajn studojn en Lepsiko, Berlino kaj Marburgo sub la influo de H. Cohen, majstro de novkantianismo, kiu instruis la junan filozofon interesiĝi pri la scienca metodo kaj ami la filozofion kiel edukadcelon.

Reveninte el Germanio, Ortega y Gasset akiris kaj okupis la katedron pri Metafiziko de la Madrida Universitato (1911), kie lernadis ĝis 1936, ne nur studentoj, sed ankaŭ multnombraj studemuloj: sciencistoj, beletristoj, ĵurnalistoj kaj eĉ akademianoj de aliaj fakoj. Ilin logis de la fascinaj eksplikoj pri la plej densaj konceptoj per tute simpla kaj elvokiva lingvaĵo, ĉar Ortega aldonis al tiu magio la ĉiumomentan malkovron de perspektivoj humanismaj kaj kulturaj, kiujn li sciis komuniki per sia parolo... Lia originaleco estis/as percepti tute klare, malkovri, ke la radika fakto, en kiu ĉeestas ĉiuj ceteraj faktoj, estas la homa vivo, la vivo de ĉiu el ni, propra kaj netransigebla al alia. Tiu altnivela instruado realigas unu el la malnovaj revoj de Ortega pri starigo de vigla universitato: oni komencas organizi seminariojn, konferencojn, specialajn kursojn, prelegojn... La Fakultato pri Filozofio de Madrido fariĝas elstara centro, fokuso de la eŭropa pensado. Kun Ortega vicas ankaŭ profesoroj kun tiel alta intelekta nivelo kiel García Morente, Gaos, Zubiri, Zaragüeta, k.a.

En 1923 li fondas la "Revuon de Okcidento", vehiklo per kiu eniris en Hispanion laŭlonge de multaj jaroj ĉiuj eŭropaj filozofiaj ideoj, precipe la germanaj. Per tiu revuo, ne nur faka pri filozofio, Ortega studis, analizis, kritikis la kulturon de sia tempo. Sagaca spektanto de la vivo, de sia historia momento, li speciale atentis per siaj artikoloj ĉiujn novajn kulturesprimojn ŝprucantajn ĉiuhore pri impresionismo kaj ĝenerale pentrarto, pri

muziko, teatro, beletro k.a., akorde kun la de li admirata Goeta ekvilibro inter arto, vivo kaj racio. Pri tio li tiam verkis eseojn admirindajn kiel "La senhumanigo de l'arto" kaj gravajn studojn pri Velázquez kaj Goya. Sed lia aktivado kritika ne nur konkretiĝis en tiuj kulturesprimoj, ĉar li speciale pritraktis temojn politikajn kaj sociajn kun specifa situo en Hispanio. En la "Revuo de Okcidento" kunlaboris, kune kun filozofoj, ankaŭ verkistoj kaj poetoj, kiel García Lorca kaj Alberti, kiuj publikigis sur tiuj paĝoj siajn unuajn lirikajn kaj beletrajn kreaĵojn.

En 1931, Ortega subskribis kun Marañón, López de Ayala kaj aliaj famaj verkistoj la "Manifeston de la Intelektuloj", kiu malfermis la pordojn al la 2-a Hispana Respubliko. Post ĝia proklamo, Ortega estis elektita deputito de la nova Parlamento, sed li baldaŭ forlasis la aktivan politikon por reokupiĝi plene pri sia intelekta tasko.

En 1936, je la komenciĝo de la hispana intercivitana milito, Ortega forlasis Hispanion kaj restis ekster ĝi preskaŭ 20 jarojn: en Anglio, Germanio, Francio, Portugalio kaj precipe en Ibero-Ameriko, prelegante kaj senlace verkante. La ekziliĝo ne estis facila por Ortega nek por aliaj samsortanoj. Li tion priparolis en Buenos Aires kun la profesoro Sánchez Albornoz. Fine, en 1942 li revenas en Eŭropon kaj decidas loĝi en Portugalio. Tie, li rekontaktis kun siaj disĉiploj loĝantaj en Hispanio kaj rekomencis sian taskon...

En 1945 Ortega revenis kun sia familio en Hispanion. La Ateneo de Madrido reakiris sian antaŭan nomon kaj por celebri tion oni invitis lin prelegi. La frankismo estis preskaŭ tute orfa je gravaj intelektuloj kaj oni pensis, ke tiu prestiĝa homo jam dresita de la cirkonstancoj kaj eble de la ideoj de la reĝimo, povas esti utila al ties interesoj. Sed li restas, tiurilate, tute neŝanĝebla: li ne volas reokupi la katedron, nek verki unu solan artikolon en la hispanaj ĵurnaloj. Li konservas sian oficialan rezidejon en Portugalio, ĉar li "ne volas loĝi ĉi tie dum Franco regas la landon". Tamen, li konsentas fondi kun Julián Marías (unu el liaj plej fidelaj disĉiploj) la "Humanisman Instituton", sed la enprepreno ne sukcesas: la naciaj ĵurnaloj kritikas lin kaj la reĝimo propagandas "ke Ortega jam estas en Hispanio". Li do sentas sin mallerte manipulita, humiligita. Furioze li forlasas la Instituton en kiu li gvidis nur du kursojn, kaj forveturas konstante tra Usono, Germanio, Anglio, prelegante. Kiam li sporade restas en Hispanio, li dediĉas sian tempon kunveni kun siaj disĉiploj kaj amikoj en konversacia rondo, la ĉiamaj fidelaj amikoj: Caro Baroja, Neville, Vela, Garagorri, Huescar, García Gómez, Marías, la toreadoro Domingo Ortega, k.a. Kaj li verkis kaj verkis senlace.

En 1955 Ortega sentis sin grave malsana kaj post ne longa suferado, la 18an de oktobro, li trankvile forpasis posttagmeze.

Li estas aŭtoro de multnombraj verkoj, el kiuj ni citas: "Meditado pri Donkihoto" (1914), "Nova kaj malnova politiko" (1914), "La Spektanto"(8 vol.1916-1935),"La temo de nia epoko"(1921), "Hispanio senvertebra"(1922), "Kantio"(1924), "La senhumanigo de l'Arto"(1925),"Ĉaso

kaj taŭroj", "Studoj pri Velázquez, Goya", "Spirito kaj litero"(1927), "Mirabeau aŭ la Politikulo"(1927), "La Amasribelo"(1929), "Korektado de la Respubliko"(1931), "Goeto de sia interno"(1932), "Studoj pri la Amo"(1939), "Libro pri la Misioj"(1940), "Ideoj kaj kredoj" (1940), "Historio kiel sistemo"(1940), k.a.

Menciindaj postmortaj verkoj: "La homo kaj la gento"(1957), "Kio estas filozofio?"(1958), "La ideo pri principo ĉe Leibnitz kaj la evoluo de la edukteorio"(1958), "Ideo pri la teatro" (1958), "Origino kaj epilogo de la filozofio"(1960), "Pasinto kaj futuro por la aktuala homo"(1962).

Ortega y Gasset, plej granda intelektulo de Hispanio, enorme influis nian landon en la pensado, literaturo, politiko, instruado kaj ankaŭ en la stiloj. Hodiaŭ, okaze de la kvardeka datreveno de lia morto, ni elvokas lian gigantan figuron, kies pensoriĉo, stilbeleco kaj originaleco tiom ĉarmis la generaciojn de miaj junaj jaroj. Mia admiro al li, simila al tiu de multnombraj amantoj de la kulturo, estis/as senlima. Eble, post ne longe, mi verkos pri liaj teorioj, kredoj kaj esencoj de lia pensado. Modeste kaj sincere, kiel omaĝo al tiu genio. La homo de la fascina diro kaj densa penso, kiu neniam volis honorojn kaj laŭdojn, ne meritas alion...

*A. M. B.*

---

# Originala Poezio

## Tamen doloro kaj delir'...



Tamen doloro kaj delir' ne forkonsumaj
elpurigas je algoj nian internan strandon.
Tamen la am', akcipitro kaj tigro
—krom oraj dun', efluvo kaj gejsero—,
malofte krifas ĝis la koro de l' animo.
Tamen dabas grataĵojn la klonoj de kiso
intervalve glitanta en la nokton moluskan
—ĉar tute ne ekzistas enkonkiĝo perfekta—.
Tamen larvas la vivo interstice de l' morto.
Tamen eĉ plej letargian substraton de amo
iam purega mano denudas, projekcias
sur novajn travidaĵojn kaj simaojn...
Tial



mi eblis re,
mi iĝis neĝo-herbo,
degelis,







mi iĝis klara akvo kaj muziko,
muziko hulo-sona, kiun vi elharpas,
dum ade l' ekzistejo per ni sin inaŭguras.
Kaj, tial, ke la tago ne lupas plu, sed nardas
kaj distilas pogute kvintesencojn de pulsoj
kaj nin en rukulojn de helo transigas.
Tial ke la fluaĵoj estas profana preĝo.
Tial, ke la aero
estas poleno gasa aŭ poemo,
en kies mola sino amoro albatrosas.
Tial, ke mia sango ne plu eksudas frunte,
sed pelas sin al nia ekvatoro,
kie ĝi eterniĝas,
kie ĝi eterniĝas, ĉar via amo stiksas.
Tial, ke via rigardo la tempon diluas...
Ni, fine, iĝos idoj de l' sereno.
Ĉar ni povas aŭskulti la spirojn de l' silento
kaj trafi la substancon de la varmo.
Ĉar ni povas trakrozi la urbojn polusajn
kaj trafi la substancon de la varmo.
Ĉar ni povas temperi l' angoron insuli ĉi-mare
—ho jes!, insuli, tamen,
ve!
ni, du atoloj plej ĉeaj, sed disaj!—
en ĉi arkipelago
strebanta al iomo da tepido
—nur al iomo da tepido!—
en ĉi hazarda maro,
en ĉi sensenca tajdo.
Kaj trafi la substancon de la varmo.





*Miguel Fernández Martín*

---

**Tirano Banderas**

Jen la libro, kiu furoras nun en la tuta mondo esperantista. Se vi jam havas ĝin, donacu unu ekzempleron al viaj korespondantoj en malpli riĉaj landoj.

Mendu tuj vian ekzempleron ĉe la Libroservo de HEF, Apartado 119, 47080 Valladolid. Tel: 983-260086.



# Financa evoluo de la Centra Oficejo

El la artikolo "La HEF-oficejo sur la reloj", aperinta en Boletín 316, pro manko da spaco forfalis interesa tabelo, kiu montras la spezojn de la HEF-oficejo dum kvin sinsekvaj jaroj ĝis 1990, t.e., ĝuste antaŭ ol komenciĝis la moderniga laboro. Ĉar ĝi restis menciita en la artikolo, kaj ĉar ĝi utilas por kompari kun la tiam publikigita speztabelo de la jaroj 1991 ĝis 1993, ni publikigas ĝin nun. La tabelo estis farita sumante laŭ fakoj ĉiujn spezojn notitajn en la tiamaj kaslibroj de la HEF-oficejo, prizorgitaj de S-ro Gerardo Flores:

*La sekretario*

| | 1986 | 1987 | 1988 | 1989 | 1990 |
|---|---|---|---|---|---|
| **ELSPEZOJ** | | | | | |
| elektro | 11158 | 12204 | 11560 | 12275 | 14184 |
| telefono | 17812 | 20030 | 17988 | 23225 | 28279 |
| najbarara imposto | 44352 | 47736 | 47736 | 43758 | 48930 |
| urbodoma imposto | 8510 | 6383 | 8318 | 7911 | 8955 |
| pordisto | 2400 | 2904 | 4100 | 2700 | 5200 |
| libroj | 25447 | 18144 | 0 | 19697 | 18768 |
| **sumo de elspezoj:** | 109679 | 107401 | 89702 | 109566 | 124316 |
| **ENSPEZOJ** | | | | | |
| donacoj | 21400 | 14400 | 25800 | 33600 | 9700 |
| loterio | 57600 | 57000 | 13800 | 30000 | 80400 |
| libroj | 35000 | 10900 | 3100 | 61229 | 51410 |
| **sumo de enspezoj:** | **114000** | **82300** | **42700** | **124829** | **141510** |
| **JARA REZULTO:** | **4321** | **(25101)** | **(47002)** | **15263** | **17194** |

